




ADMINISTRACIO:
Esperanto-Klubo, P.O.Box 8
SK-962 71 Dudince, Slovakio



**Esperantista Vegetarano**

Nº 3,4/1994 (74)

Kvaronjara organo de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio

"Por reformitaj viv- kaj nutrad-maniero"

Fondita en 1908

Unua prezidanto: L.N. Tolstoj

Honora prezidanto: Ernesto Váňa

REDAKCIO:
Stano Marĉek
Zvolenská 15/21
SK-036 01 Martin
Slovakio
Tel./fakso; 42842 37145

ABONEBLA:
Ĉe Landaj Perantoj - Reprezentantoj de TEVA (Lasta kovrilpaĝo)

ABONKOTIZO:
libervola, al landaj perantoj de TEVA

EKSPEDADO:
En Ĉeĥio kaj Slovakio: Olga Novotná, Riznerova 2, 81101 Bratislava, Slovakio
Al Landaj Perantoj: Esperanto-klubo P.O. Box 8, SK-962 71 Dudince, Slovakio



**Esperantista Vegetarano**

# Leterkesto

## Karaj Geamikoj,

jen, ni surprizas vin per duobla kajero de nia kara EV. Ni faras tion sekve de du aferoj, nome, ke la 2a n-ro de EV iome malfruiĝis, kaj ni volas "kapti la tempon", plue pro tio, ĉar proksimiĝas la jarfino, kiam la poŝtejoj kutimas esti superŝutitaj de multaj leteroj, paketoj, ktp. kaj ni volas eviti, ke EV longe kuŝu ie en poŝtoficejoj. Koncerne la duan numeron de EV mi notu, ke ni ne de ĉiuj Landaj Reprezentantoj ricevis la informon, ke ili ĝin bonorde ricevis (po unu ekzemplero), kaj ne ĉiuj respondis, kiel ni petis en la akompana letero, kiom da ekzempleroj ni el ĉiu n-ro sendu, por kontentigi ĉiujn membrojn kaj interesiĝantojn. Kaj ĉar ni povus la aferon kompreni ankaŭ tiel, ke iuj eble ne deziras, ke ni sendadu al ili nian EV-on, mi ĉi tie ripetante tre petas, ankaŭ en tia okazo bv. min afable informi pri via decido, se vere tia estas la deziro de la membroj en la koncerna lando. Kaj tiujn, kiuj deziras, ke ni al ili sendadu plu nian EV-on, mi petas, ke ili af. nepre min informu, kiom da ekz-oj ni al ili sendu, kaj se mankas ĉe ili iu antaŭa n-ro, same al mi ili skribu, el kiu n-ro kaj kiom da ekz-oj ili bezonas. Ni volonte plenumos la dezirojn.




Koncerne la plej unuajn n-rojn de EV, ekde la 1-a ĝis la 25-a n-ro, mi rekomendas peti de mi la Indekson de ĉi n-roj, kiun mi volonte sendos, sed afable kovru la sendokostojn, ekz. sendante respondkuponon aŭ paperan monbileton enletere. El la plej unuaj n-roj (de 1 ĝis 25), ni povas lasi pretigi ties kopiojn, do tiel oni povas havigi al si la historiajn n-rojn de la nova serio el nia eldonado de EV ekde la jaro 1971. Laŭ la mendo ni informus la interesiĝantojn pri la kostoj. Por ekzemplo mi menciu, ke la 1-a n-ro en formato A4 kun 12 paĝoj kostus kopie, kun la sendokostoj, 1US dolaron, kiun oni povas sendi en (nedika) letero.

Alia afero: Iuj ricevis el Romo "Leteron de EV". Al tiu nun koncize mi devas diri, ke ĝi enhavas pri mia agado neĝustajn informojn, ekz. ke la presigo de nia EV kostas multe. — La vero

estas mala: eble nenie en alia lando la preskostoj estas tiaj favoraj, kiaj ĉe ni, ekz. unu ekzemplero kostas kvaronon de Germana Marko aŭ Svisa Franko, resp. sesonon de US-dolaro. Altaj estas nur la nunaj poŝtaj sendokostoj. En la "Letero de EV" estas mencio ankaŭ pri la bonstato de la asocia kaso. Tio estas (dank' al Di') vero, sed bv. af. scii, ke tiu rezulto estas ankoraŭ el nia agado! Nur poste montriĝos la rezulto el la agado lastjara. Ekz. mem la svisa LaReo antaŭa, D-ro Haenni, transigis al nia kaso 8.000 Svisajn Frankojn, kaj tiu sumo povas certigi presadon de EV por 10 jarkolektoj! Do ni estu seriozaj, korektaj kaj sinceraj. Sed pri tiuj ĉi aferoj ni parolos pli klare en iu el la venontaj numeroj de EV, se la afero montriĝos necesa kaj aktuala.

Alia afero: pro teknikaj kialoj elfalis nia rubriko, la Bondeziroj. Do ĉi tie almenaŭ koncize, sed des pli elkore kaj sincere mi deziras al ĉiuj niaj karaj legantoj ĉion bonan, ĉefe sanon, kontentecon kaj sukcesojn en ĉio aktuala en la vivo, aldate, okaze de ilia naskiĝdata tempo, kaj aparte al la Kristnaskaj, jarfinaj kaj Novjaraj festotagoj!

Tutkore kaj sincere via

*Ernesto Váňa*



## LA NATURA HIGIENO

Ĉu vi jam renkontis ĉi nocion? Ne, ne temas pri la ĉiutaga higieno, kiun ni kutimas (ekz. ĉiumatene) fari en la banĉambro. Temas pri vivprincipo, kiu kondukas al daŭra korposano, pere de ĝia kontinua purigado de balastaj substancoj. Temas pri vivprincipo, kiu konscias influon de la nutrado al la longeco kaj kvalito de la vivo. Ĝi instruas preventadon, sanan vivmanieron, tian vivmanieron, kiu kondutas al firma kaj longdaŭra sano. La baza principo de la natura higieno estas en la fakto, ke la organismo purigas, kuracas kaj zorgas pri si mem. La natura higieno eliras el vidpunkto, ke ĉiu en la kosmo ekzistanta kuracforto enestas en la homa korpo, ke la naturo estas perfekta. La naturo ne klopodas neniigi la homan korpon. La problemoj aperas tiam (troa pezeco , doloro , streso ), kiam ni rompas la naturajn vivleĝojn. La natura higieno estas ankaŭ movado kaj scienca disciplino, kiu havas larĝan subtenon de sciencistoj kaj universitatoj, precipe en Usono, kie aperas pri ĝi fakaj gazetoj, literaturo, estas organizataj kursoj. Sur la fundamentoj de la

natura higieno staras la verkoj de la geedzoj Diamond (la metodo de Diamond), de D-ro N. Walker kaj aliaj famaj modernaj nutraĵistoj.

La natura higieno baziĝas i.a. sur la t.n. naturaj cikloj de la homa korpo. Ĉi biologiaj cikloj laŭ multaj sciencaj esploroj estas tri: de la tagmezo ĝis la 20-a horo - AKCEPTO (manĝado), de la 20-a ĝis la 4-a matene ASIMILADO (ensorbado kaj utiligado), de la 4-a matene ĝis la tagmezo - ELIMINADO (forigado kaj eliminado de balastaj substancoj). Estas kompreneble, ke manĝi, do akcepti la nutraĵon ni povas nur dum maldormo kaj dum la dormo, kiam nia korpo ne havas pli gravajn taskojn, ĝi asimilas tion, kion ĝi tage akceptis. Kiam ni vekiĝas, ni havas t.n. "matenan spiron" kaj sentas sur la lango tegaĵon el eliminaĵoj, ĉar nia organismo estas en la mezo de eliminado de tiuj substancoj, kiujn ĝi ne povis utiligi. Se ni manĝas malfrue vespere, matene ni ne fartas bone, ĉar la ciklo de asimilado, kiu komencas post foriro de nutraĵo el la stomako, estis forŝovita. Se ni volas praktiki la naturan higienon, ni komencu per respektado de la biologiaj cikloj.

Tre danĝera por la homa korpo estas n.n. toksemio, aŭ metabola malekvilibro. Toksemio ekestas en la organismo pro du kialoj: en la unua kazo la toksemio ekestas dum metabolo. La malnoviĝintaj ĉeloj (tage 300 ĝis 800 miliardoj da ĉeloj estas anstataŭataj per la novaj) estas toksaj kaj devas foriri el la korpo per unu el kvar elirkanaloj: intestoj, urinveziko, pulmoj kaj haŭto. Temas pri natura procedo. La dua kialo de toksemio estas nia nutraĵo: ni ne akceptas la manĝojn en la natura, saniga formo, sed bakas kaj kuiras preskaŭ ĉion. Tio kaŭzas nedigesteblajn restaĵojn en la korpo. Ĉiutage do ekestas en la korpo toksemio pro metabola procedo kaj pro restaĵoj el nekonvenaj nutraĵoj, kiuj plejparte



estas acidoformaj (vidu artikolon pri ĉi temo en EV 2/94). Se en la korpo amasiĝas acidoj, la korpo konservas akvon por ilin neŭtraligi, kio kondutas al plua kresko de la pezo. Oni do devas klopodi, ke la toksaj substancoj ne grupiĝu en la organismo, sed ke ili estu eliminitaj.

Tre grava por eliminado de toksaj substancoj el la korpo estas konsisto de akvo en la nutraĵoj, kiu devas konsistigi ĉ. 70 procentojn de la volumeno. Temas pri "viva", organika akvo, kiun enhavas en la natura formo legomoj kaj fruktoj. Optimume estus, se niajn nutraĵojn el 70% konsistigus fruktoj kaj legomoj. La ceterajn 30 procentojn formu densigitaj nutraĵoj: pano, cerealoj, legumenacoj, laktaĵoj... Tre gravaj por la homa sano estas krudaj fruktaj kaj legomaj sukoj. Ili ŝparas al la organismo energion kaj la organismo ilin dum kelkaj minutoj digestas kaj akceptas. Optimuma kvanto estas duonlitro da suko potage.



Trinkado de freŝaj fruktaj kaj legomaj sukoj estas la plej sekura kaj plej rapida metodo, kiel nutri la ĉelojn de nia korpo. Ĉi suko estas la plej bona kaj "viva akvo" por nia korpo. Kompreneble ankaŭ aliaj krudaj solidaj nutraĵoj estas bezonataj por la korpo, precipe salatoj, fruktoj, nuksoj, semoj kaj ties burĝonoj. La kreskaĵajn fibrojn ni bezonas kvazaŭ balailon por niaj intestoj.

Ne malpli grava por nia korpo estas kombinado de unuopaj nutraĵoj. Ĉi tie validas la regulo: La homa korpo ne scipovas digesti pli ol unu densigitan nutraĵon en la stomako. Ĝi estas simpla, sed grava aserto. Densigita nutraĵo estas ĉiu nutraĵo krom legomoj kaj fruktoj. Malbona kombinaĵo de nutraĵoj kaŭzas malbonan digestadon, la stomako produktas du malajn digestsukojn, kiuj neŭtraliĝas, la nutraĵo fermentas, putras, kio kaŭzas toksajn acidojn. Konsumado de du densigitaj nutraĵoj samtempe kaŭzas malvalorigon de ambaŭ nutraĵoj, kiuj ne kapablas eniri la organismon. Legomoj ne postulas specifajn digestsukojn, ili malkomponiĝas en kia ajn medio: kaj acida kaj alkala. Tial ni povas manĝi ilin samtempe kun (nur unu!) kia ajn densigita nutraĵo.

Memstaran ĉapitron certe valoras la fruktoj. Ili estas el ĉiuj manĝeblaj naturproduktoj la plej utila kaj plej grava

nutraĵo kaj el biologia vidpunkto temas pri nutraĵo, al kiu estas la homa genro pleje alkutimiĝinta. Elstaraj sciencistoj jam pruvis, ke niaj antaŭuloj nutris sin dum milionoj da jaroj - per fruktomanĝado! Fruktoj enhavas 80-90% da puriga, vivon donanta akvo. Krom tio en fruktoj troviĝas ĉiuj vitaminoj, mineraloj, karbonhidratoj, aminoacidoj kaj grasaj acidoj, bezonataj por ekzistado de la homa korpo. La vivoforton, kiu enestas en fruktoj, donos al ni neniu alia nutraĵo. Frukto estas bonega pezreduktilo. Digestado de fruktoj bezonas praktike nenian energion. Fruktoj fakte ne digestiĝas en stomako. En la stomako ili restas nur mallongan tempon - 20 ĝis 30 minutojn kaj pluiras kvazaŭ tra tunelo. Tio tamen okazas nur se ni la fruktojn manĝas ĝuste! - Kia estas la ĝusta manĝado de fruktoj? - Neniam manĝi fruktojn kune kun io alia aŭ post alia nutraĵo. Tre grave estas manĝi fruktojn kun malplena stomako, kiel la unuan manĝon. Ĝi estas la ĉefa principo de la natura higieno. Fruktoj estas la plej gravaj nutraĵoj, sed nur se ni ne miksas ilin kun aliaj nutraĵoj. Imagu, se vi manĝos sendviĉon kaj post ĝi frukton, ekz. akvomelonon. La akvomelono estas preta pluiri al intestoj, sed la sendviĉo ne permesas tion. La manĝaĵo do komencas en nia internajo fermenti, malkomponiĝi. En momento, kiam frukto renkontiĝas en la stomako kun alia nutraĵo kaj digestaj sukoj, la tuta maso komencas malkomponiĝi. Kia ajn proteino en la stomako komencas putri, kia ajn karbonhidrato fermenti. Ĉio ŝanĝiĝas al acidaĵo kaj ni serĉas kuracilon kontraŭ naŭzostato. Ĉiu frukto, se ĝi estas ĝuste konsumita, fariĝas en la organismo alkala kaj neŭtraligas malutilajn acidaĵojn en la korpo. Malĝusta kombinaĵo de nutraĵoj, malmulte da nutraĵoj kun natura akvoenhavo, troa manĝado de koncentritaj nutraĵoj, malpuraj akvo kaj aero - kondukas al toksiĝo kaj acidiĝo de la organismo. La korpon kontaminitan per toksaj acidaĵoj oni konas laŭ pufeco, obezeco, grastavoloj sur femuroj kaj talio, hargrizeco, kalveco, nervaj kolereksplodoj, nigraj rondoj ĉirkaŭ okuloj, tro fruaj sulkoj sur la vizaĝo. Rekta rezulto de acidoj, manĝantaj la organismon, estas stomakulceroj. Ĝusta manĝado de fruktoj havas



male rejunigan kapablon, kiu neŭtraligas acidojn, atakantajn la organismon. Per perfekta alproprigo de ĝusta fruktonutrado ni agordiĝos al sekreto de la naturo - kiel atingi belecon, longan vivon, sanon, energion, laborelanon, feliĉon kaj idealan korpopezon.

Fruktoj provizas la korpon per ĉio bezonata por eminenta sano multe pli efike ol kia ajn alia nutraĵo. Sur nia planedo troviĝas unusola nutraĵo, kiu havas idealan enhavon de la kvin bazaj nutrosubstancoj (glukozo, aminoacidoj, mineraloj, grasaj acidoj kaj vitaminoj): la fruktoj! Ekzistas tamen nur unu speco de utilaj fruktoj: krudaj fruktoj! Kuiritaj, bakitaj aŭ konservitaj fruktoj havas nenian valoron, male ili estas malutilaj, toksaj kaj acidoformaj. Naturaj fruktoj do enhavas ĉiujn bezonatajn substancojn por la korpo, purigas ĝin kaj donas al ĝi energion. Tamen nur en kazo, se ni ĝustatempe manĝas ilin kaj ne kombinas ilin kun aliaj nutraĵoj. Memoru do: ekde la matena vekiĝo almenaŭ ĝis tagmezo manĝu nenion alian ol krudajn fruktojn aŭ fruktajn sukojn. Kian ajn kvanton. Post konsumado de fruktoj 20 aŭ 30 minutojn nenion, poste vi povas manĝi ĝuste kombinitajn nutraĵojn. Post ili ne plu fruktojn, almenaŭ tri horojn. Post la dudeka horo lasu la organismon ripozi, asimili la akceptitajn nutraĵojn.

Tre grava por bona sano estas kompreneble moviĝado en freŝa aero, sporto, sed ankaŭ sana (pozitiva) pensado, amo al niaj proksimuloj kaj al la ĉirkaŭaĵo, konsciado de la nuntempo, kapablo malstreĉiĝi, bonkoreco...

(Kompilis: Stano Marĉek)



## EVU-KONGRESO EN SLOVAKIO!




Slovakio fariĝos gastiglando de la venontjara Kongreso de Eŭropa Vegetarana Unio (EVU), kiu okazos de la 23-a ĝis la 28-a de julio 1995 en la ĉefurbo de Slovakio - Bratislava. Temas pri la unua internacia renkontiĝo de vegetaranoj en la lando de iama orienta bloko. La kongreso (oni atendas 450-500 partoprenantojn) okazos en la kulturcentro CULTUS (DK Ružinov), la loĝado kaj la manĝado okazos en la proksima hotelo Bratislava. La kongreso okupiĝos pri problemoj de vegetaranoj, oni interŝanĝos spertojn, en la programo estos prelegoj kaj ekskursoj.

# Tra la mondo...

## FORUM VITAE

En la urbo Wolznach en Bavario (Germanio) estis malfermita nova centro por kuracado, ekologio kaj spiritismo. En fokuso de la centro estas esotera kuracado kaj instruado al kuracistoj. En vesperaj kursoj kaj sabataj seminarioj la partoprenantoj povas prepari sin al ekzamenoj ĉe sanitara oficejo kaj al posta kuracista agado. Krom baza sanitara klereco oni emfazas klasikan homeopation kaj esoteran kuracadon. En ĉi centro oni kunigas diversajn specoĵn de kuracado, estas ĉi tie loko por internaciaj renkontiĝoj de kuracistoj el diversaj partoj de la mondo. La adreso: Forum Vitae, Haushausen 3, D-W 8069 Wolznach, tel. 84 42 4199.

## HIPNOTO KAJ LABORREZULTOJ

Sportistoj estus pli sukcesaj, se ili pli fidus sian subkonscion. Tion opinias germana kuracisto Paul Bernard. Pri venko aŭ malvenko ĉe pintaj sportistoj ofte decidas - la kapo. La subkonscion estus eble programi, asertas D-ro Benard: "Per hipnoto oni povas la sportistojn dopi, sed nur tiujn, kiuj estas je tio trejnitaj. "Mi programas en hipnota



stato subkonscion kaj simple elŝaltas bremsantajn dubojn de unuopulo". Tiel eblas en hipnota stato fiksi signalojn, kondukantajn al subkonsciaj reakcioj.

Ekzemplo de Bernard: "Se la atakludanto diras, ke li ne plu pafos golon, ne helpas, se lin iu konvinkas, ke li liberiĝu. Sed mi povas doni al li ĉiutagan objekton (ekz. maĉgumon), kiu al li post kelkaj lecionoj signalos, ke estas tempo por agordiĝi al la subkonscio. Sekve perdiĝos ĉiuj duboj".

Sportkuracistoj malmulte interesiĝas pri psiko de atletoj, kritikas la nuntempan situacion D-ro Bernard. Kaj ĝuste ĝi ludas grandan rolon ĉe sportaj konkuroj. Bedaŭrinde, hipnoto estas konsiderata ĉarlatanaĵo. Dum ekz. en Usono oni en multaj medicinfakoj helpe de hipnoto kvietigas al pacientoj doloron, en Eŭropo

laboro kun hipnoto nur atendas la utiligon.

Bernard estas konvinkita, ke helpe de hipnoto eblas forigi ĉiujn ordinarajn sanmalfacilaĵojn. Subkonscio havas ĝustan armilon preskaŭ kontraŭ ĉiuj malsanoj. Helpe de hipnoto eblas grandigi laborkapablon sen uzo de kemiaj rimedoj. Pri la laboro de D-ro Bernard oni povas legi en lia libro "Hipnoto - komunikado kun la subkonscio", kiu aperis en Munkena-Berlina eldonejo Quintessenz-Verlag. (mv)

## NOVA MIKRO-ONDA BAKUJO

Mikroonda bakujo (bakforno) povas rapide varmigi aŭ baki manĝaĵon, tamen ofte okazas, ke la surfaco estas bruna, dum la internaĵo ne estas bone bakita kaj malbongustigas la manĝaĵon. Nun la franca firmao Elektrolux (43 av. Felix-Louat BP139, 60300 Senlis) donis en vendejojn plibonigitan tipon de mokroonda bakujo kun la nomo Cuisson Gastronome, kiu estas kombinaĵo de la klasika malnova vapora bakujo kun mikroonda aparato kun silicia tubo en la mezo. Tiu kreas longdaŭran adekvatan varmon, simile kiel karbo kaj bone bakas nutraĵojn, samtempe plibonigante ilian guston.



## BRASIKO KONTRAŬ KANCERO

Multaj homoj demandas, ĉu eblas per manĝado de iu nutraĵoj preventi aperon de kancero. Statistikaj esploroj de Instituto por sociala kuracado kaj epidemiologio en Germanio nun asertas, ke jes. Esploristoj el ĉi institucio, kiuj surbaze de granda nombro da datoj finis ĉi esploron frunte de D-ro Reinhard Dortschy kaj D-rino Leonora Kohlmeier konstatas: En lokoj, kie oni konsumas multan brasikon, aperas kancero de la dika intesto kaj anuso multe malpli ofte ol aliloke. Kie oni uzas multajn citrusajn fruktoj, malpliiĝas mortofteco de stomakkancero. Ĉi esploro koncernis 27 eŭropajn landojn. (SL)





## FUMADO KAJ HEREDECO

Patroj, kiuj multe fumas, povas herede damaĝi siajn infanojn. Rezultigas tion du finitaj esploroj en Usono. Oni kompreneble ne povas nei ankaŭ damaĝan influon de fumantaj patrinoj. Denaskaj difektoj, kiel kunikloforma buŝo, kordifektoj, mallarĝiĝo de la utero, aperis pli ol duoble ĉe infanoj, kies patroj fumis pli ol 20 cigaredojn tage. Tion konstatis epidemiologoj de la universitato North Carolina post esploro de pli ol 15 mil geknaboj. Same leŭkemio, kancero de cerbo kaj de limfaj abgioj havis ascendan tendencon ĉe infanoj, kies patroj forte fumis, laŭ rezultoj de studaĵo de la nacia instituto por sano en Norda Karolino.

"Pli granda parto de denaskaj difektoj kaj kanceroj estas alskribebla al konto de fumantaj patroj, kiuj riskas damaĝon en spermaj ĉeloj", asertas usona biokemiisto Bruce Ames. Bazo de ĉi damaĝoj estas evidente oksidiga agado de iuj substancoj en tabaka fumo, kiuj rekte atakas la heredan substancon DNA.

## PIRO KAJ LA CERBO

Piro estas eksterordinare valora frukto. Ĝi provizas nin per substancoj, kiuj estas tre gravaj por laboro de nia cerbo.

En piro troviĝas vitamino C, pektino, mistera kombinaĵo de mineraloj kaj etelementoj, kiu ankoraŭ ne estas sufiĉe esplorita kaj multe da fosforo. Pro tio ĝi estas viveliksiro.

Se al ni ŝajnas, ke ni ne scias koncentriĝi, ni ne prenu tuj medikamenton, sed ni provu bonajn malnovajn praktikojn de la iamaj kuracistoj, kiuj en ĉi kazoj ordinis - piran kuracprocedon.

D-ro Leonhard Schlegel kompilis specialan dieton por homoj kun pli altaj aĝo kaj sangopremo: Du tagojn en semajno oni devas manĝi 1500 ĝis 2000 gramoj da



verdaj, freŝaj piroj. (Nenion alian!). Plej bone konvenas malmolaj specioj. Iuj piroj havas malmolajn partojn, kiuj ne moliĝos eĉ post kompleta maturiĝo. Homoj kun sentemaj intestoj kaj malsanoj de koledoko ĉi krudajn pirojn ne toleras (kuiritajn jes). Por la dieto ĉi pirspeco ne konvnas.

Kiel efikas piro al nia orgamnismo?

— Ĝi helpas forigi psikan elelĉerpiĝon. Tial ĝi estas nepre bezonata por homoj, kiuj psike multe laboras.
— Piro fortigas agadon de la cerbo, ankaŭ profilaktike. Antaŭ grandaj psikaj ŝarĝoj, ekz. ĉe malfacilaj taskoj en laborejo aŭ lernejo ĝi povas helpi.
— Maljunaj homoj, kiuj rapide laciĝas, manĝu multajn pirojn.
— Antikvaj kuracistoj estimis piron kiel rimedon, kiu rapidigas rsaniĝon de vundoj. Ili ankaŭ asertis, ke ĝi mildigas febron.

Post kvardekjariĝo oni rekomendas al ĉiu homo regule manĝi pirojn.



## JERUSALEMA SINDROMO

Vizito al la urbo Jerusalemo, la "sankta urbo", scias multajn pilgrimulojn konfuzigi. En ĉi lulilo de kristanismo konfuziĝas jare ĉirkaŭ cent homoj, kiuj komencas kredi, ke ili prezentas iun biblian personon.

"Mi estas Jesuo Kristo", konfidis 41-jara mezlerneja profesoro el la iama GDR al surprizita kuiristo en jerusalema hotelo. Se li ne sukcesis ĉe la kuiristo, li decidis anonci tion al policejo. Kun granda peno la policistoj sukcesis kvietigi ekscititan turiston.

La sekurec-servo kaj psikiatroj en Jerusalemo parolas pri tipa "Jerusalema sindromo". Jam multfoje okazis, ke la homoj subite komencis aserti, ke ili estas la reĝo Davido, Abrahamo, aŭ eĉ diablo. D-ro Yair Bar-El, direktoro de mensa sanitara centro rakontas, ke komence de la okdekaj jaroj ĉiuj turistoj, atakitaj de la "jerusalema sindromo" estis transdonitaj al kuracista prizorgo. Ĉar plejmulto el ili estas kontentaj koncerne siajn "imagojn", ili estas lasataj kaj la sindromo malaperas mem. La kialon de ekesto de ĉi malsano vidas D-ro Bar-El en fortegaj impresoj, kiujn la novalvenantoj travivas, enirante la urbon. La erara imago post kelkaj tagoj malaperas. Escepto estis nur iu 36-jara angla instruistino, kiu eĉ

post negativa rezulto de testoj persiste asertis, ke ŝi mirakle gravediĝis de sankta spirito kaj atendas filon de Jesuo.

## LUMANTA ARBO

En sudĉina provinco Hunan malkovris terkulturisto dum vespera promeno lumantan arbon, kiun li transplantis en sian ĝardenon, kie ĝi vespere lumas. La gazeto "Nova Ĉinio" anoncas, ke lumado de ĉi arbeto egalas 8-ŭatan ampolon. Fizika instituto en Changehuno nun science esploras ĉi "brilantan poplon".

## PREFERE NUDA OL EN PELTO

Sur grandegaj reklamtabuloj en Usono aperas afiŝoj kun nuda virino kaj slogano: "Prefere nuda ol en pelto". Por realigo de ĉi-speca reklamo disponigis organizaĵoj por bestprotektado konsiderindan monsumon. La plej granda ĉi-speca afiŝo aperis en la fama Sunset Strip en Los Angeles.





## ELEFANTOJ KAJ ALKOHOLO

Hindaj armeaj oficiroj de armea bazo en okcidenta Bengalo plendis ĉe arbara administracio pri elefantoj, kiuj estis videblaj en la tendara provizejo. La oficiroj asertis, ke elefantoj boris elektrajn barojn per arbotrunkoj, per rostroj ili estingis fajron, kiun oni bruligis por forpeli la elefantojn, perforte eniris la provizejojn kaj fortrinkis provizojn de alkoholo.

## RADIITAJ LEGOMOJ EL USONO

En Usono oni komencas konservi fruktojn, legomojn, kortbirdan kaj porkan viandon per radioaktivaj radioj. Malgraŭ protestoj de sciencaj esploristoj kaj konsumantoj, ĉi produktoj baldaŭ aperos en vendejoj. La unua uso-

na fabriko por radiitaj nutraĵoj estas en Mulberry (Florido) kaj dum unu horo ĝi scipovas priradii per kobaltaj radioj 60 aŭ cezio 137 ĝis 90 tunojn da nutraĵoj. Rezisteco de la nutraĵoj longiĝas tiel je pliaj semajnoj. La reklamo asertas, ke ĉi radiado estas metodo, kiel neniigi mikroorganismojn, kiuj povas elvoki salmonelajn malsanojn.

Kritikistoj kaj rifuzantoj male avertas antaŭ sanriskoj. Konsuma grupo "Food and Water" en Novjorko asertas, ke iuj partoj de la nutraĵoj, kiel grasoj aŭ vitaminoj, transformiĝas en aliajn grupiĝoj, kiuj povas kaŭzi kancerajn malsanojn. En Germanio estas dume la radiado malpermesita.

## AFRIKA KURACADO

Kuracaj metodoj de afrikaj ŝamanoj enhavas elementojn, kiuj en certaj kondiĉoj alportas sukcesojn ĉe kuracado de skizofrenio en okcidenta mondo. Ŝancojn je sukceso de kuracado alportas i.a. ankaŭ oferaj ritoj kunigitaj kun kantado kaj dancado. Certaj elementoj de ĉi metodoj povas riĉigi modernan psikiatrion. Rezultigas tion raporto el universitato en Kolonjo ĉe Rejno. Profesoro Wieland Machleidt dum multaj monatoj esploris en sudorienta Afriko influojn de natura afrika kuracado kaj rimedojn de ŝamana kuracado ĉe psikaj mal-



sanuloj, kiuj ankoraŭ ne estis tuŝitaj de okcidenta lerneja kuracado. D-ro Machtledt observis, ke procedo de resaniĝo estas pli rapida ol ĉe pacientoj en okcidenta mondo. (S-ek)

## PRI LONGVIVECO

Usona Instituto por Nacia Sano esploris kaj testis en Usono 5 mil personojn, kiuj ĝisvivis cent jarojn. La sciencistoj volis ekkoni la sekreton de longviveco. Ili esploris ĉion, kio estis komuna al ĉiuj ĉi aĝaj homoj. Estas vero, ke la homoj vivis modeste, ke ili netromanĝis, sed estis inter ili ankaŭ manĝemuloj, kiuj nokte eksentadis malsaton kaj pro tio manĝis ankaŭ nokte. Iuj el ili havis 15 infanojn kaj 17 nepojn, aliaj vivis kiel monakoj. Multaj estis abstinentuloj, sed estis ankaŭ esceptoj, kiuj tage eltrinkis botelon da vino.



Nur post ia tempo la sciencistoj trovis unu punkton, komunan al ĉiuj: ĉiuj pridemanditaj deklaris, ke almenaŭ unufoje tage ili forte ekŝvitas, ĉu pro rapida irado, kurado, lignohakado, dancado aŭ amorado. Estis do tamen konstatita certa regulo, kiu rekomendas almenaŭ unufoje tage ekŝviti, almenaŭ unufoje tage eksenti veran malsaton, almenaŭ unufoje tage laciĝi.

La moviĝado fluigas energion. La fluanta energio liberigas blokiĝojn en la korpo, la kapo, la koro. La liberiĝintaj blokiĝoj alportas ĝojon kaj forton. La liberiĝinta ĝojo helpas la sanon kaj konservas ĝin - en la korpo, la psiko, la animo. Rigidiĝo prezentas principon de morto, la moviĝado estas la principo de la vivo.



## LA ĈIOPOVA MAGNEZIO

Magnezio havas vere multflankajn efikojn. En defendaj procezoj ĝi estas antistresa, antitoksa, antialergia, ĝi ŝirmas kontraŭ influoj de iona radiado kaj influas al ĝusta funkciado de nervoj. Ĝia manko manifestiĝas per netoleremo de bruoj, nervozeco, agresemo, maldormemo, inklino al vomado, perturboj de mensa kaj kora agadoj. Plie ĝi manifestiĝas per tremado de palpebroj, rigideco de membroj, korbatado, nokta ŝvitado kaj matena laceco. Se vi sentas iun el la menciitaj manifestiĝoj, bonvolu manĝi sojon, migdalojn, avenflokojn, legumenacojn, branon, fruktojn kaj krudajn foliajn legomojn.

(vž)

## OKULTISMO EN LA MILITO

El diversaj arkivoj, kiuj estis desekretigitaj klariĝas, ke Germanio havis sekretan fakon precipe en mararmeo, kie estis okupitaj homoj kun parapsikologiaj kapabloj. Tiuj helpe de sideria balancilo determinis poziciojn de malamikaj ŝipoj. Al ĉi celo servis specialaj maraj mapoj. La plej elstara el ili nomiĝis Kritzinger.

endre illés:

# simoneta

Simonetta estas preskaŭ malbela knabino. Ŝia ovala, pufvanga vizaĝo ankoraŭ ne estas tute difinita. Ŝia frunto estas tre alta, ŝia buŝo larĝe trančita, sed ŝiaj okuloj kapablas fajri kaj flagri. Tiuj ĉi okuloj ja estas brunaj, sed kiu rigardas ilin, apenaŭ vidas ilian koloron — la brilado, la entuziasmo sorĉas. Tamen, baldaŭ komencas vivi malantaŭ la fajro fandiĝanta, varmega, daŭre ŝanĝiĝanta bruneco: en unu momento gutas en ilin orookro, en alia ruĝbruna sieno, poste cinabro aŭ lako-ruĝo, kaj pro tio ili ŝanĝiĝas en venecian ruĝon; la kolero malheligas ilin. Van Dyck-bruna, la ĝojo vibrigas en ilia rigardo violkoloran radiadon.

Simonetta venis al Verono el suda urbeto, Locri. Ĉe Locri estas la maro — tie la nura maro estas la plej granda vidindaĵo. Verono estas mistera kaj mirveka.

Ankaŭ tiu ĉi monaĥeja korto estas rava miraklo. Malhelverda razeno, fontano kun arĝentkolora akvo, tre maljunaj arboj, blankaj kolomboj. Estas ankaŭ puto, plena de enĵetitaj dek- kaj dudek-liraj moneroj. Super la kvarangula malgranda korto estas iom pli granda kvarangulo: la radianta bluo de la ĉielo. Kaj de granda alteco antikva kampanilo rigardas sur la homojn promenantajn kaj mallaŭte konversaciantajn en la korto. La patrino de Simonetta diras, ke ili estas apud la tombo de Julieta.

Nu, kiu estis Julieta?

Ankaŭ tion ĉi tuj ekscias Simonetta.

En la arkadkoridoro kvar telefonaparatoj vidiĝas nigraj sur la muro. Ĉiuj kvar estas strangaj aparatoj; ne eblas paroli en ilin; sed ili havas du aŭdilojn. Oni devas enĵeti unu cent-liran moneron kaj tiam en la aŭdilo eksonas voĉo; dum kvin minutoj ĝi melodie rakontas la amon kaj morton, la historion de Romeo kaj Julieta. Unu voĉo diras tion itallingve, alia aparato angle, la tria germane kaj la kvara france. Oni povas duope — viro kaj virino — aŭskulti samtempe la historion. Ankaŭ el la familio de Simonetta duopo aŭskultas la italan voĉon: ŝia patro kaj ŝi.

En Verono oni ŝatas la fremdulojn kaj la trafikon same kiel en la ceteraj italaj urboj. Oni eĉ scias, kion oni devas fari. Oni ja sciis tion jam antaŭ centkelkaj jaroj, kiam oni donacis al tiu ĉi bela romantik-stila preĝejeto la tombon de Julieta. La grandaj bazilikoj ja facile superas, ĉar tie en la Zeno-preĝejo estas la mirinda bronz-pordego, la enormaj proporcioj kaj la triptiko de Mantegna; en la katedralo estas la marmoraj tombo-monumentoj de la Scaliger-oj; en la Anastazio la du baptokuvoj. Ĉie estas io; tien ĉi venis la legendo.

Kompreneble, pri tio ĉi Simonetta scias nenion. Ekscitite, ŝi malsupreniras en la mallarĝan tombokripton kaj timeme palpadas en la duonobskuro; la malplena ŝtona sarkofago ŝancelas ŝin. Ŝi levas sin piedpinte kaj enrigardas. Kie iam kuŝis Julieta, tie nun modeste troviĝas bukedeto da violkoloraj ciklamenoj. Ŝi ektiras la manon de sia patrino por demandi, kial ankaŭ ili ne portis florojn. Kaj ŝia patrino ektiras la manon de Simonetta, por ke ŝi restu silenta.

Sed Simonetta ne povas resti silenta; agitas ŝin la ekscitiĝo, sufokas ŝin la malsekaj muroj. Kiel la veneno, nun trapenetras la kruela, bela historio.

- Kaj kiam ŝi vekiĝis, ĉu ŝi mortpikis sin? - ŝi demandas sian patron.
- Vi aŭdis tion. Per ponardo ŝi mortpikis sin.
- Kaj ĉu ŝi vere mortis?
- Ŝi mortis.
- Kaj kial estas malplena la ĉerko?
- Ĉar...

La patrino nun haltas. Efektive, kial estas malplena la ĉerko?

-...ĉar oni forportis ŝin.

- Kien?

- Tion oni ne scias.

- Kiuj forportis ŝin?

- Ŝiaj malamikoj.

- Kaj ĉu oni neniam trovis ŝin?

- Ne.

Tie ĉi jam naskiĝas nova legendo. Tiu ekscitita malgranda Simonetta ne povas rezignacie akcepti la morton. Kaj en la vestiblo eble ankaŭ la marmorstatuo de Shakespeare atentas la nun formiĝantan novan historion.

- Kaj se la ponardo ne atingis ŝian koron, ĉu ŝi povis saniĝi?

La patro ĉirkaŭrigardas por vidi, ĉu oni aŭskultas ilin, poste li kapitulacias.

- Eble ŝi saniĝis.

- Kaj ĉu Romeo vere mortis pro la veneno?

La patrino estas obstina.

- Li mortis.

Sed la patro estas pli cedema. Super la kapo de Simonetta li gestas al la patrino.

- Eble li ne mortis.

Simonetta persisteme bombardas sia patron.

- Kaj poste kio okazis al li?

- Li fariĝis soldato.

- Ĉu kuraĝa soldato?

- Tre kuraĝa.

- Kaj ĉu li estis en batalo?

- Certe li estis.

En la brunaj okuloj de Simonetta nun ekbrilas lumo — la triumfo kaj la solvo.

- Kaj ĉu ankaŭ la patro de Julieta estis tie en la batalo?

- Li estis tie.

- Kaj Romeo, li savis la patron de Julieta, ĉu ne?

Jam ankaŭ la patrino akceptas ĉion kaj kapjesas.

- Jes, li savis lin.

- Kaj ĉu li ricevis Julietan kiel rekompencon?

- Li ricevis ŝin.

- Kaj ĉu ili loĝis plu tie ĉi en Verono?

- La respondo malfruas kelkajn momentojn. Ankaŭ la patro fariĝas poeto, ankaŭ li formas la historion.

- Ne... ili ne loĝis tie ĉi.

- Kial?

- Por ke oni ne disigu ilin denove.

Simonetta estas nesatigebla.

- Kaj ĉu ili ankoraŭ longe vivis?

- Longe.

- Ĉu tre longe?

- Tre longe.

Nun Simonetta, jam malpeziĝinte, kuregas en la sunlumon. Ŝi rapidegas supren sur la ŝtuparo kiel birdo, kiu erare enirinte, susure flugas el malfermita ĉambra fenestro.

Simonetta kuregas rekte en la arkadkoridoron al la libro por vizitantoj. La malfermita giganta libro estas tiel granda kiel oficiala registro-libro: par duopaj estas la enskriboj - unu junulo kaj unu junulino, unu viro kaj unu virino. Sed tio ne ĝenas Simonetta-n. Ŝi ekkaptas la plumon kaj mem skribas, ne per malgrandaj oblikvaj literaĉoj, sed per fortaj, rektaj strekoj: TI AMO, GIULIETTA!

Mi amas vin, Julieta!

Kaj zorgeme, bele ŝi subskribas sian nomon: SIMONETTA.

En ŝiaj okuloj kunfluas la oro-okro kaj la venecia ruĝo. En tiu ĉi momento ŝi estas tre bela. Julieta mem ne povis esti pli bela.

Por ES tradukis el la hungara
Éva kaj Bernard Golden



# ĈARMEGA

Malgrandan valizeton kun rozkolora vizaĝeto
oni veturigas el la Bezruĉova strato
al Železná Studlenka 210
- el la akuŝejo en la hejmon por suĉinfanoj.
La vojo daŭras ne plenan kvaronhoron
kaj la valizeto eĉ sonon ne aŭdigas.
La semajnaj nigraj okuloj mire rigardas
a nekonatan onklinon kun varmaj manoj,
kiu al la vizaĝeto ĝustigas la ĉapeton
kaj nomas ĝin malgranda povruleto.
Al la ŝoforo de la ambulanco ŝi rakontas kurte
la historion de la juna virino,
kiu jam tiun ĉi trian ŝarĝon ne volas porti
kaj la junan viron serĉos la kriminala centralo
por rememorigi al li,
ke la infanoj devas el io vivi.
Kaj la valizeto tre deziras vivi;
ĝi ankoraŭ ne scias, kion tio signifas,
sed la kunpremitaj pugnetoj esprimas decidiĝon.
En la Hejmo juna knabino en blanka kufo,
kiu antaŭ kelkaj monatoj ankoraŭ sidis
en la benko de sanitarlernejo
transprenas la valizeton kun rozkolora vizaĝeto
kaj malpakas ĝin.
Kiel el ŝelo elkoviĝas el ĝi nigrahara knabineto
kaj la juna virino en la kufo
karese premas ŝin al sia brusto:
"Kiel bela kaj ĉarmega vi estas!"
kaj ŝi metas la ĉarmegan pupon
en liberan liteton,
kie ankoraŭ antaŭ nelonge kuŝis
alia ĉarmega pupo,
sed tiu ĉesis esti suĉinfano
kaj hodiaŭ jam estas en alia hejmo.
La juna flegistino ne alkutimiĝis al tio ĉi.
Ankaŭ hejme oni diradas al ŝi:
"Vi ne darfas ĉion tiel trasenti,
ja tia estas la vivo, tia estas la realeco!"
Ŝi denove brustalpremas la etulinon
kaj flustras al ŝi ion pri senkora patrino.
La infano kvietigite fermas siajn okuletojn.

***

(Laŭ vera okazintaĵo:)
Alica Komlóšiová



# La milito de la ĉapeloj

Foje reĝo rigardis sin en spegulo, kiel ĉiumatene post la razado. Rimarkinte ion, kion li ĝis tiam neniam rimarkis, li sonorigis al la ĉambelano.

— Via reĝa moŝto volis min.

— Jes, alproksimiĝu kaj staru apud mi antaŭ la spegulo.

La ĉambelano miris pro la nekutima ordono.

— Sinjoro ĉambelano, ĉu vi rimarkas ion?

— Kion mi rimarku? Via reĝa moŝto estas pli granda, pli bela, pli majesta, pli...

— Tatata! Rigardu bone.

— Mi rigardas.

— Ĉu vi ne vidas, ke vi, simpla ĉambelano, havas sur la kapo la saman ĉapelon kiel mi?

— Se via reĝa moŝto ordonos tion al mi, mi tuj deprenos mian ĉapelon, sed poste mi estos nur cambelano.

— Ne temas pri tio. Konservu vian simplan ĉapelon. Ĉu tamen ne decus, ke mia propra kapo estu pli lukse vestita ol via? Bonvolu venigi la prezidanton de la Akademio.

Malgraŭ siaj reŭmatismoj la prezidanto de la Akademio galopis al la reĝa palaco.

— Via reĝa moŝto vokis min.

— Jes, sinjoro prezidanto. Bonvolu sidiĝi kaj diri al mi, kiel vi skribas la vorton "reĝo".

Balbutante, la Akademiestro literumis:

— Ro - e - ĝo - o.

— Kio estas super la tria litero?

— Super la tria litero estas supersigno, via reĝa moŝto.

La regnestro rikanis:

— Supersigno! Kiu inventis tiujn supersignojn?

— D-ro Zamenhof, via reĝa moŝto.

— Ĉu vi ne opinias, ke D-ro Zamenhof iel neglektis la hierarkion?

La prezidanto de la Akademio malfermis la buŝon kaj rigardis sian suverenon per mirrondaj okuloj. La reĝo ekkriis:

— Malbenita estu la fundamento, kiu donis al reĝo simplan ĉapelon anstataŭ krono! Ĉu vi aŭdas, sinjoro prezidanto? Mi postulas mian kronon. Bonvolu do transdoni al ĉiuj presistoj de mia lando jenajn ordonojn:

1-e: De nun oni skribu la vorton "reĝo", uzante kronon anstataŭ simpla supersigno.

2-e: Oni uzu du kronojn por la titolo "reĝa moŝto".

3-e: Oni uzu iom pli malgrandan kronon por la vorto "reĝino".



La prezidanto de la Akademio riverencis tri fojojn kaj eliris el la palaco. Ne domaĝante siajn reŭmatismojn, li vizitis ĉiujn presistojn de la regno, por konatigi al ili la reĝan dekreton.

Oni devis komprenеble fandi novajn tipojn, sed ĉiuj korteganoj akordiĝis, por laŭdi la bonguston de la reĝo kaj trovi la novajn librojn duoble interesaj.

Kiam oni lanĉas modon, multaj homoj volas imiti ĝin. Subite, krom pulĉinelo, kiu opiniis sian konusan ĉapelon belega, neniu estis kontenta pri sia supersigno:

Volis
la ĝardenisto pajlan ĉapelon,
la ŝipisto maristan ĉapon,
la ĵurnalisto kvadratitan kaskedon,
la ĉambristino puntan kufon,
la ĝendarmo militistan kepon,
la ĉampano korkon,
la ĝemelo du supersignojn,
la ĵonglisto tri aŭ kvar...

La libroj ĉiam pli beliĝis, sed la laboro de la kompatindaj presistoj fariĝis tiel komplika, ke pluraj preferis ŝanĝi la metion, antaŭ ol freneziĝi.

La prezidanto de la Akademio deklaris, ke li



rezignos sian oficon, se oni plu tedos lin per tia bagatelo. Oni memoru, ke tiu kroma laboràdo perdigis al li la lastajn tri harojn, kiuj konsistigis lian propran kapornamaĵon.

Ve, la unuavide nur supraĵa tumulto degeneris en klasbatalon kaj eĉ en intercivitanan militon, kiun la historiistoj nomis "la milito de la ĉapeloj".

En ĉiuj presejoj de la lando la 22 malriĉaj literoj rifuzis kunlabori kun la 5 riĉaj ĉapelitaj literoj. Ili strikis kaj manifestaciis surstrate kontraŭ la aroganteco de la burĝaj literoj. Ĉi tiuj rimarkigis, ke ili ne kulpas pri sia nobela denaskiteco, kaj ke ili estas nemalhaveblaj por la bona funkciado de la socio. Sufiĉas ja rigardi la ruĝajn afiŝojn de la ribeluloj: "Abocoj el ĉiuj landoj, unuiĝu!" Oni devas vole nevole uzi supersignojn. Maldekstraj intelektuloj provis pruvi, ke oni povas verki proletajn skribaĵojn sen supersignoj, kaj la ruĝaj afiŝoj poste tekstis: "Abocoj el la tuta mondo, unuigu viajn fortojn!"

La aŭtoroj de detektivaj romanoj kaj la gazetistoj protestis, ke oni ne rajtas trudi al ili tian jongladon. La intelekta vivo stagnis, sed neniu tendaro volis cedi. La situacio difektiĝis ĉiutage iom pli. Okazis kio devis okazi: terura batalo. De sur la plej alta branĉo de mia poplo mi observis per lorno la movadanojn de la korpusoj en la ebenaĵo. Pezaj pafaĵoj hajlis el la linio de la nombre superaj senĉapeluloj: "fiuloj - banditoj - kruduloj - abomenuloj - murdistoj!" La atakitoj rezistis, firme tenante super si siajn supersignojn kvazaŭ militistajn kaskojn. Kiam ili kontraŭatakis, sangajn vundojn kaŭzis al la simpluloj la akraj sagopintoj de la cirkumfleksitaj insultoj: "aĥ - fuŝuloj - sovaĝuloj - aĉuloj - apaĉoj!"

La sorto de la batalo restis nedecidita. Vespere la presistoj devis bandaĝi kontuzojn, tuberojn kaj rompojn de multaj difektitaj literoj.

Por venki tiun ribelon, la reĝo ordonis dungi fremdajn literojn el Francujo, Ĉeĥoslovakujo kaj aliaj barbaraj landoj posedantaj strangajn, minacaspektajn literojn.

Aŭdinte tion, la prezidanto de la Akademio kunvenigis la hieraŭajn malamikojn kaj per kortuŝaj paroloj petegis ilin forgesi sian sterilan kverelon kaj solidariĝi kontraŭ la invadantoj:

— Káraj alfabetanoj, vi formas unu grandan rondoń familian, en kiu ne estas riĉaj kaj malriĉaj, belaj kaj malbelaj literoj, sed nur egalaj kunuloj. Gravas ĉiu el vi, kun aŭ sen ĉapelo. Supersignoj ja ne estas frivola galanterio, kiel volis kredigi al ni la reĝo, sed iloj nepre necesaj por la internacia kompreniĝo.

Tondra aplaŭdo substrekis tiujn ardajn vortojn. La literol lo, i, bo, e, ro kaj a kriis:

— For la tirano!

Ĉiuj kunkriis:

— For! Vivu la demokratio!

La saman tagon la reĝo fuĝis eksterlanden kun sia luksa supersigno sub la brako. La prezidanto de la Akademio fariĝis prezidanto de la respubliko, kaj de tiam la literoj de la Esperanta aboco senĉese kunverkas belegajn tekstojn, antaŭ kiuj la tuta mondo respekte kaj admire demetas la ĉapelon.



El la libro FABELOJ DE LA VERDA PIGO de L. Beaucaire (Ilustraĵoj: Stano Markovič)

## Julian Modest:

# Ĉu la patroj ploras?

La somero finiĝis. Finiĝis la ferio. Postmorgaŭ mi denove komencos la lernejon. Morgaŭ venos mia patrino kaj ni revenos en la urbon. Mi diros "ĝis revido" al miaj avo kaj avino, al eta hundo Bobi, al miaj geamikoj, kun kiuj mi la tutan someron vagadis en la arbaro, naĝis en la rivero, fiŝkaptadis...

Postmorgaŭ min la panjo vestos per blanka ĉemizo kaj longa nigra pantalono kaj ŝi akompanos min ĝis la lernejo. Nia instruistino, sinjorino Linova, eniros en la klasĉambron kaj ŝiaj unuaj vortoj certe estos:

- Bonan tagon, infanoj. Vi jam estas en tria klaso. Dum la somero vi multe ludis, bone ripozis. Nun ĉiu rakontos al mi, kie li aŭ ŝi somerumis kun siaj gepatroj.

Mi tre amas sinjorinon Linova, sed kial ŝi ĉiam demandas: "Kie vi estis kun viaj gepatroj somere, kie vi estis kun viaj gepatroj dimanĉe, kion donacis via patro al vi por via naskiĝtago?"

Sinjorino Linova ne scias, ke mi ne havas patron kaj ĉiam mi devas diri al ŝi malveron. Mi tute ne deziras mensogi al ŝi, sed kiam la aliaj infanoj komencas rakonti, ke kun siaj gepatroj ili estis ĉe la maro, ke iliaj patroj, per siaj propraj aŭtoj, veturigis ilin ĝis la mara bordo, kion mi diru? Ĉu mi diru antaŭ ĉiuj, ke mi ne havas patron, ke mi ne veturis per aŭto, ke dum la tuta somero mi estis en la vilaĝo de miaj geavoj? Ne. Mi denove diros, kiel pasintjare, ke ankaŭ ĉi-somere mi estis ĉe la maro. Mi rakontos, ke mia patro, kiu estas piloto, denove havis longan forpermeson kaj ni duope, per lia granda propra aŭto, veturis al la maro. Tie ni multe naĝis, veturis per ŝipo, per boato, ni sunbaniĝis, fiŝkaptadis...

Sed mi neniam vidis la maron. Panjo ĉiam havas multan laboron kaj nek pasintsomere, nek ĉisomere ni feriis kune. Tamen mi bone scias, ke la maro estas granda, blua. Nun mi pentras la maron. Postmorgaŭ mi montros la pentraĵon al miaj samklasanoj kaj mi diros al ili, ke mi pentris ĝin ĉe la maro.

Miaj geavoj rigardas televidilon. Oni prezentas interesan filmon pri senmotoraj aviadiloj, sed mi havas urĝan laboron.

Mia avino estas la patrino de panjo kaj mia avo - la patro de panjo. Do, panjo havas patron kaj patrinon, sed kial mi havas nur patrinon? Foje mi demandis avinon pri tio, sed ŝi tuj ekploris. Ne. Mi certe scias, ke mia patro ne mortis, ĉar se li estus mortinta, oni nepre montrus al mi lian foton. Ankaŭ Niki, mia amiko, ne havas patron, sed lia patro mortis kaj Niki kun sia patrino ĉiam vizitas la tombejon. Simple mi ĝis nun ne trovis patron. Neniam plu mi demandis avinon pri tio. Mi ne deziras, ke ŝi ploru.

Do, la maro estas blua. Bone ke mi havas bluan krajonon, sed kiaj estas la ŝipoj? Ŝajnas al mi, ke ili estas blankaj aŭ eble...

- Avo, ĉu la maraj ŝipoj estas blankaj?

Kompreneble li ne aŭdas. Li sinforgese rigardas la flugadon de la senmotoraj aviadiloj.

- Avo, ĉu la ŝipoj estas blankaj?

- Kio? - li apenaŭ tramurmuras.

- Ĉu la maraj ŝipoj estas blankaj?

- Vidu kiel alte flugas tiu ĉi aviadilo! - miras la avo.

- Ne pri la aviadiloj, pri ŝipoj mi demandas.

- Kial pri ŝipoj, ja estas filmo pri aviadiloj.

- Jes, sed mi demandas pri maraj ŝipoj.

- Kial?

- Ĉar mi pentras la maron.

- Aha... - finfine komprenas la avo. - Sed kial vi nun pentras la maron?

Kion mi respondu? Kompreneble mi ne povas konfesi al li kial.

- Ĉar delonge mi ne pentris la maron.

- Bone. - konsentas la avo kaj forgesas respondi al la demando.

- Avo, ĉu la ŝipoj estas blankaj?

- Respondu jam al la infano. Mil fojojn li demandas vin. - subite intervenas la avino, kiu sidas ĉe la avo kaj dormetas antaŭ la televidilo. Evidente la senmotoraj aviadiloj ne interesas ŝin.

- Jes. La maraj ŝipoj estas blankaj. - kategorie diras la avo.

Mia avo tre amas min. Eble tial, ĉar ankaŭ mi nomiĝas Ivo, kiel li, aŭ eble tial, ĉar ĉiuvespere, kiam li revenas de la kamparo, mi donas la pantoflojn al li. La avo regule aĉetas por mi bombonojn, eĉ ofte li donas al mi monon kaj diras:

- Iru, Ivĉjo, en la butikon, kaj aĉetu por vi bombonojn kaj por mi paketon da cigaredoj.

La avo ŝatas cigaredojn "Hirundo", sen filtrilo, sed la avino ne permesas al li fumi kaj ŝi ĉiam

diras, ke la avo estas malsana kaj li ne vivos longe.

Ankaŭ la avino estas bona, sed ŝi neniam aĉetas por mi bombonojn. Se mi petolas, ŝi tuj iĝas kolera kaj komencas murmuri, ke mi ne obeas ŝin, ke plu ŝi ne zorgos pri mi, ke ŝi resendos min al panjo, en la urbon. Ŝi bone scias, ke mi ne deziras reveni en la urbon, ĉar somere tie estas malmultaj infanoj kaj mi kun neniu povas ludi.

Foj-foje, kiam la avo ne estas hejme, la avino kaŝe kaj silente ploras. Mi ne scias kial, sed ŝi ploras, ploras, kaj karesas min. Eĉ pasintjare, mi tre bone rememoras, tiam ankaŭ mia panjo estis en la vilaĝo, la avino denove komencis plori kaj diris al la panjo:

- Kial vi naskis tiun infanon? Ja vi sciis, ke li ne edziniĝos vin.

- Panjo, ne komencu denove. - ekflustris mia patrino.

Mi ne komprenis pri kiu infano temas. Panjo kaj la avino eksilentis kaj plu nenion ili diris.

La maraj ŝipoj estas blankaj, sed ĉu ili estas grandaj?

- Avo, ĉu la maraj ŝipoj estas grandaj?

- Pli bone rigardu la aviadilojn kaj ne demandu pri ŝipoj, - anstataŭ la avo respondas la avino.

- Jes, tre grandaj, - aldonas la avo, rigardante atente la ekranon.

La senmotoraj aviadiloj glisas kiel paperdrakoj. Foje la avo faris por mi grandan buntan paperdrakon. Mi kaptis ĝian ŝnuron, kuris al la kampo kaj la vento tuj prenis la paperdrakon alten, alten, en la ĉielon. Infanoj de la tuta vilaĝo kuris post mi, kriis, sed subite la ŝnuro disŝiriĝis, la vento pli kaj pli altigis la paperdrakon kaj plu mi ne vidis ĝin. Mi ege ĉagreniĝis, sed poste mi pripensis, ke la vento eble portos mian paperdrakon al la maro kaj se mi ne povas vidi la maron, mia paperdrako flugos libere super la maro.

La senmotoraj aviadiloj flue soras kaj ŝajnas al mi, ke en iu simila aviadilo estas mia patro. Se mi sola devus elekti mian patron, li nepre estus piloto. Kiam mi iĝos granda, ankaŭ mi estos piloto. En la ĝardeno de miaj geavoj kreskas olda juglandarbo. Ĝi estas mia aviadilo. Per ĝi mi flugas al la maro, eĉ trans la maro, al foraj kontinentoj kaj landoj. Foje mi eĉ saltis de mia "aviadilo". Seka branĉo subite rompiĝis kaj mi alteriĝis, sen paraŝuto. Pli ĝuste mi falis kaj tutan semajnon ege doloris miaj piedo kaj brako, sed mi ne ploris, kiel vera piloto. Mi kunpremis dentojn kaj eĉ ne ĝemis. Tiam la avino denove koleriĝis, denove komencis krii, ke plu ŝi ne zorgos pri mi, ke plu ŝi ne permesos al mi grimpi sur arbojn. Sed tiam la panjo diris al la avino, ke ŝi deziris ĝuste tian filon, kiu povas kuri, grimpi, fali, denove grimpi kaj denove fali, kiu per batoj respondos al la batoj, kiu haltos antaŭ neniaj baroj, kiu ĉiam iros antaŭen kaj ne estos naiva kaj timema kiel ŝi mem.

- Se li foje naskiĝis viro, li estu vera viro, - diris la panjo.

La filmo pri senmotoraj aviadiloj finiĝis. Komenciĝas la novaĵoj kaj la avino baldaŭ diros:

- Ivo, lavu la dentojn kaj iru dormi.

Sed mia pentraĵo pri la maro ankoraŭ ne estas preta. Mi pentris la ŝipojn blankaj, sed sur mia bildo ili aspektas tre malgrandaj kaj postmorgaŭ neniu en la klaso kredos, ke mi vere estis ĉe la maro. Eh, se mi havus patron...

- Ivo, lavu la dentojn kaj iru dormi, - eksonas rigora voĉo de la avino.

Tio signifas, ke eĉ minuton plu mi ne povas resti ĉe la televidilo. Kontraŭ tiu ordono eĉ la avo nenion povas diri. Mi kisas la geavojn. Mi tramurmuras "bonan nokton" kaj iras en alian ĉambron.

Ekstere pluvas. La aŭtuna pluvo tamburas kvazaŭ iu sur ladon degrajnigus maizon. Mi kuŝas sola en la mallumo. De la alia ĉambro alflugas monotona parolado de la televidilo. Mi ne povis fini mian pentraĵon pri la maro. Kion mi montros postmorgaŭ en la klaso? Ĉiuj infanoj komencos rakonti pri la somero, pri la maro, pri la montaroj... Nur mi silentos. Kvazaŭ ŝtoneto ŝtopas io mian gorĝon. Mi penas tragluti tiun ŝtoneton, sed vane. Ĝi pli kaj pli grandiĝas. Eble mi ekploros, sed tio estus ridinda, ja mi ne estas la avino. Ĉu la patroj ploras? Certe ne. La avinoj, la patrinoj ploras, sed la patroj - neniam!

Postmorgaŭ, kiam sinjorino Linova demandos min: "Ivo, kie vi estis dum la somero kun viaj gepatroj?", mi diros al ŝi, ke mi ne havas patron, ke mi neniam estis ĉe la maro, ke la tutan someron mi pasigis en la vilaĝo de miaj geavoj. Jes! Al ĉiuj mi diros, ke mi ne havas patron.

Ekstere pluvas. La somero finiĝis. Finiĝas la ferio. Morgaŭ matene mi kun la panjo revenos en la urbon.






Inĝeniero Salvator Aguirre, la ĉef-geologo de la Mezamerika Naftoprospektorada Kompanio, ĵus finis sesmonatan deĵoron en la tropika arbaro de Petén, situanta en la norda parto de Gŭatemalo. Ĉi-matene aviadilo transportis lin al la ĉefurbo, por ke li ĝuu sian ferion en malpli ŝvitiga klimato.

Dum duonjaro li estris skipon de geologoj, kiuj migradis kaj kampadis en plej izolitaj regionoj, priloĝataj de moskitoj, venenaj serpentoj kaj indiĝenoj. Tamen, plej suferigis Aguirre la manko de intimaj rilatoj kun virinoj. Kompreneble, de tempo al tempo li havis kontakton laŭbezone, jen kun pajlokabanaj putenoj*, jen kun iliaj samprofesiulinoj en la bordeloj de Flores, sed tiuj surogatoj ne tute kontentigis la inĝenieron, kiu sopiris al propra kaj pli-malpli konstanta kompanino.

La suno akre brilis sur la sennuba lazura ĉielo dum tiu bela dimanĉa tago en Gŭatemalurbo. Por plene refreŝiĝi en la subita sed agrabla ŝanĝo de ĉirkaŭmedio, Inĝeniero Aguirre decidis promenadi en la urbocentro ĝis la horo de tagmanĝo. Ekirante sur Avenuo 6, li direktis siajn paŝojn al la Centra Parko kaj tie sencele pasumis. Ĉar estis ripoztago, la stratoj eĉ en tiu parto de la urbo ne estis tro plenaj da homoj kaj veturiloj, sed li rimarkis, ke aliflanke de Avenuo 7 multaj homoj estis amasiĝantaj antaŭ la impona fasado de la Ĉefurba Katedralo. Kvankam li havis neniun inklinon partopreni en la antaŭtagmeza diservo, Aguirre pro scivolo transiris la straton por rigardi pli proksime la homojn — efektive la virinojn — sur la granda placo. Ĝuste kiam li atingis la angulon de Strato 8, taksio haltis ĉe la trotuar-rando, kaj alvenis elegante vestita virino, kies vizaĝo estis kovrita per nigra vualo. Ŝi ŝajne promenis rekte al la inĝeniero — almenaŭ imagis Aguirre — sed, preterpasante lin, ŝi eniris la katedralon. La inĝeniero sentis nerezisteblan tenton sekvi ŝin. La momenta ekvido, kiun li havis de ŝia vualita vizaĝo, vekis al li la deziron, kaj li subkonscie pensis, eĉ esperis, ke eble en tiu neakompanata virino estas promeso de iu aventureto.

Je konvena distanco malantaŭ la vualportantino, Aguirre sekvis ŝin en la malluman internaĵon de la granda preĝejo, sed haltis, kiam li rimarkis, ke anstataŭ serĉi sidlokon, ŝi restis staranta ĉe la lasta vico de benkoj. Ŝia vualo jam estis suprenlevita, kaj malgraŭ la duonluma ĉirkaŭaĵo, Aguirre estis forte impresita de la beleco de ŝia vizaĝo. La virino mallevis la kapon, verŝajne por eldiri preĝon; poste, pasante al la ĉefnavo, ŝi fleksis genuon, krucosignis sin kaj, ĝustigante la vualon, turniĝis por eliri. El ombra loko malantaŭ vasta kolono, Aguirre sekvis ŝin, unue per siaj okuloj, poste per la piedoj. Ekstere la virino reiris al la sama stratangulo, kie viciĝis taksioj, kaj eniris la veturilon, per kiu ŝi venis; ĝi evidente atendis ŝin.

La inĝeniero, sen perdi sekundon, petis la ŝoforon de la sekva taksio en la vico sekvi tiun kun la virino. Kun rideto plena de komprenemo, la taksiisto ekirigis sian aŭton. La unua veturilo iris okcidenten kaj post kelkaj minutoj troviĝis sur la landvojo nomata Carretera Interamericana.

"Ŝajnas, ke ĝi iras en la direkto de Antigua," diris la ŝoforo al Aguirre. "Kien vi vojaĝas?"

"Mi planis pasigi la tagon en Panajachel ĉe Lago Atitlán," facilanime mensogis la inĝeniero.

"Nu, ni povas sekvi tiun taksion pli-malpli 30 kilometrojn ĝis la disbranĉiĝo al Antigua."

Ne estis malfacile fari tion, ĉar la kondukisto de la unua taksio ne tro rapidis, kaj la ŝoforo de la veturilo, en kiu sidis Aguirre,

prudente lasis distancon de 200 - 300 metroj inter la du aŭtoj.

Ili jam ruliĝis dek kilometrojn sur la ŝoseo, kiam la unua taksio subite malrapidiĝis. Aguirre estis tiel absorbita, provante ankoraŭfoje ekvidi la vualitan virinon, ke li ne rimarkis la mansignojn, kiujn la stiristoj de la du veturiloj interŝanĝis.

La unua taksio tiriĝis dekstren kaj haltis sur la herbokovrita vojrando. Sen atendi instrukcion de sia pasaĝero, ankaŭ la ŝoforo de la dua auto komencis fari la saman manovron.

"Mi opinias, ke tiu veturilo ne bone funkcias," li diris al Aguirre. La inĝeniero vidis, ke la unua taksiisto elvenis, levis la kapoton de sia aŭto kaj klinis sin super la motoron. Poste, irante al la malantaŭo de sia taksio, li malfermis la kofron kaj elprenis ilarujon.

"Vi pravas. Tiu taksio paneis." Post momenta hezito, li demandis: "Ĉu ni ne povas pli alproksimiĝi kaj eble proponi helpon?"

Antaŭ ol la lasta vorto eliris el la buŝo de Aguirre, lia ŝoforo gvidis sian veturilon al pozicio tuj malantaŭ la paneinta taksio, kaj elaŭtiĝis por rigardi la kaŭzon de la halto. Inĝeniero Aguirre sekvis lin, ne tiom ekscii ion pri la motor-difekto, kiom por esti pli proksima al la pasaĝerino. Tiu ĉi sidis trankvile, tute ne okupiĝante pri la kialo de la paneo. Ŝi ankoraŭ portis la vualon, sed ŝia robo estis senzorge suprentirita, lasante malkovritaj la genuojn kaj parton de unu femuro. Ĉi-ĉion la volupt-malsata Aguirre ne povis ne rimarki.

La taksiisto informis lin, ke la damaĝo ne estas eksterordinare grava — temas pri ŝirita ventolil-rimeno — sed ne estas eble ripari ĝin tie ĉi flanke de la vojo, kaj nek li nek la alia ŝoforo havas vicparton, kiu estas akirebla nur en garaĝo. Li atendis iomete kaj poste daŭrigis. "Mi bedaŭras, ke tiu pasaĝero, kiu volas vojaĝi al Antigua devos iom atendi, sed ŝi certe sukcesos iri tien per unu el la aŭtobusoj, kiuj trafikas sufiĉe ofte sur la landvojo. Nu, kion vi diras, Inĝeniero, ĉu ni ekiru?"

Ankoraŭfoje Aguirre ne perdis tempon por primediti la situacion sed proponis la ĝustan solvon je la plej oportuna momento. "Ne estos necese, ke ŝi atendu aŭtobuson. Ŝi povas daŭrigi sian vojaĝon en nia taksio. Ni faros tiun mallongan deflankiĝon por komplezi al ŝi. Bonvolu demandi ŝin, ĉu ŝi konsentos."

La taksiisto ridetante komunikis tiun bonvenan novaĵon al sia sammetiano, kaj tiu ĉi informis sian pasaĝeron, ke ŝia vojaĝo ne estos interrompita. La virino iomete levis sian vualon, kaj la inĝeniero interpretis la radiantan esprimon sur ŝia vizaĝo kiel indikon, ke lia propono estis akceptita.

La du taksi-ŝoforoj interŝanĝis ankoraŭ kelkajn vortojn, kaj poste tiu de la veturilo de Aguirre revenis, akompanata de la virino. Ŝi senvorte okupis la malantaŭan sidlokon apud la inĝeniero, kaj li tuj prezentis sin al sia nova kunvojaĝanto. Reciproke la virino kun la vualo sciigis lin, ke ŝi estas fraŭlino Consuelo Valdés, loĝas en la ĉefurbo kaj laboras en la telefon-centralo. Vidante, ke ĉio estas en ordo, la ŝoforo reprenis sian lokon malantaŭ la stirrado kaj ekveturis.

"Mi esperas, ke mia kunveturado ne kaŭzos iun malagrablaĵon al vi, sinjoro inĝeniero." ekparolis fraŭlino Valdés per iom senmemfida tono. "Mi supozas, ke vi estas tre okupata homo."

"Ne ĝenu vin per tio," respondis Aguirre, svingante sian brakon. "Mi nun havas piursemajnan libertempon, kaj unu el la lokoj, kiun mi volas viziti, estas ĝuste Antigua, do mi kaptos tiun ĉi okazon ekkoni tiun histoririĉan urbon. Ĉu ankaŭ vi turistas, fraŭlino Valdés?"

"Ne. Hodiaŭ mi vojaĝas al Antigua por festi la nomtagon de mia patrino. Vi ne povas imagi, kiel feliĉa mi estas, ke mi ne perdos tempon pro la paneo, ĉar Panjo certe senpacience atendas min por tagmanĝo."

Venis al Aguirre en la kapon, ke tiu afero devas esti treege grava, se ordinara telefonistino faras multekostan vojaĝon per taksio anstataŭ veturi per aŭtobuso, sed li subpremis sian scivolon por daŭrigi la konversacion kun sia nova konatino.

Post kelkaj minutoj la taksio eniris la urbeton Mixco. La ŝoforo klarigis, ke ĉar hodiaŭ estas dimanĉo, la garaĝo estas fermita, sed li scias, kie loĝas unu el la mekanikistoj, do li serĉos lin kaj sendos lin senpaneigi la alian taksion. "Por ke vi ne enuu dum la atendo, mi proponas, ke vi utiligu la kelkminutan paŭzon por trinki ion. En la proksimeco estas restoracio konata en la tuta regiono pro sia eskvizita kafo."

La du pasaĝeroj bonhumore konsentis, kaj, kiel ĉiam okazas en hispan-amerikaj landoj, la "kelkminuta" kafpaŭzo daŭris tutan horon. Tamen, neniu sentis konsciencriproĉon pro tiu kroma malfruiĝo, nek inĝeniero Aguirre, nek lia ĉarma gastino, nek la helpema ŝoforo, kiu jam rimarkis, kiam la duopo denove enaŭtiĝis, ke ili nun interbabilas tute senĝene.

Post ankoraŭ 30 kilometroj da veturado la vojaĝantoj atingis la disbranĉiĝon, kaj la stiristo ĝiris maldekstren. "Ni estos en Antigua proksimume je la dua." Poste, turnante sin al Aguirre, li aldonis: "Ĝustatempe por tagmanĝo."

Aguirre, kvankam li jam scils la respondon, demandis indiferente, ĉu la ŝoforo konas bonan restoracion en la urbo.

"Certe!" entuziasme trafis la replikon la taksiisto. "Mi veturigos vin al lokalo en tre trankvila periferia kvartalo, kiu ne estas frekventata de turistoj, do la etoso estos tre agrabla."

La inĝeniero atendis proteston de fraŭlino Valdés, sed ŝi diris nenion.

Tuj kiam la veturilo haltis antaŭ ja malgranda restoracio, la ŝoforo mansignis al la ĉefkelnero, sendube konata al li. Inĝeniero Aguirre kaj fraŭlino Valdés estis kondukitaj al tablo sur ombrita teraso, kaj la tagmanĝo estis senprokraste surtabligita. Nun la fraŭlino Valdés demetis sian vualon, kaj Aguirre konstatis, ke li lom trompiĝis pri ŝia beleco en la malluma katedralo. Tamen, jam komencis distri lin pensoj pri ŝia duone nudigita femuro, kiun li ekvidis en la paneita taksio. Dum la tagmanĝo, inĝeniero Aguirre ne sukcesis repuŝi sian kulposenton, ĉar ŝajne jam estis fuŝita la nomtagfesto de la patrino de fraŭlino Valdés.

"Fraŭlino Valdés, vi diris komence de nia vojaĝo, ke via celo tie ĉi en Antigua estas festi la nomtagon de via patrino. Nun pro mi vi tre malfruiĝis. Ĉu ni ne aĉetu bukedon da floroj por prezenti al ŝi kun niaj bedaŭroj?" Vi ja povas uzi kiel pretekston la paneon de via taksio."

Fraŭlino Valdés prenis lian manon kaj tiris lin al si. Kisante lin sur la lipoj, ŝi diris: "Salvador, vi nun povas forgesi pri la nomtaga festo." Ŝi ne devis ripeti tion; Aguirre tuj komprenis.

Dum la kelneroj prilevis la tablon kaj alportis la servicon por kaftrinkado, fraŭlino Valdés forlasis la tablon pretekste, ke ŝi devas telefoni. Tio donis al la ĉiam zorgema ŝoforo okazon por fari ankoraŭ unu el siaj tre oportunaj sugestoj al inĝeniero Aguirre.

"Kion vi opinias pri mallonga siesto, antaŭ ol ni daŭrigos nian vojaĝon posttagmeze al Lago Atitlán? La restoracio havas dormĉambrojn ĝuste por tiu celo." "Por duopoj," li aldonis. "Ĉu mi aranĝu la aferon?"

Aguirre signis akordon per nura jesa kapklino, do la ŝoforo iris serĉi sian amikon, la ĉefkelneron. Kiam fraŭlino Valdés residiĝis ĉe la tablo, Aguirre menciis, ke estas konsilinda mallonga ripozo en unu el la gast-ĉambroj de la restoracio. Fraŭlino Valdés ne kontraŭis, do, post la kaftrinkado, la paro estis gvidita al dometo situanta en la ĝardeno malantaŭ la restoracio.

Kelkajn horojn poste, inĝeniero Aguirre estis bruske vekita per forta skuado. Saltante la lampon, li serĉis sian litkunulinon, sed la loko, kie fraŭlino Valdés kuŝis apud li, estis vaka. Turnante sin surdorse kaj pli larĝe malfermante la okulojn, li vidis ŝin staranta ĉe la alia flanko de la lito. Ŝi estis tute vestita.

"Kio okazas, Consuelo?" li demandis duondorme. "Ĉu vi nun volas foriri? Ĉu ni ne pluvojaĝos kune?"

"Ne, amiko mia. Nia kuna vojaĝado jam finiĝis. Nun mi iras labori."

"Labori? Kiel? Kie? Ĉu vi devas reiri al la telefon-centralo en la ĉefurbo?"

"Ne. Semajnfine mi havas alispecan okupon." Ŝia voĉtono montris senpaciencon. "Nu, mi petas vin aranĝi la konton, por ke vi povu tuj iri. Mia taksio atendas min."

"Konto? Kiu konto? konfuzite demandis Aguirre.

"Stultĉjo! Ĉu vi ankoraŭ ne komprenas? Ĉu vi imagas, ke mi pasigis la tutan posttagmezon en la lito kun vi senpage? Vi ŝuldas al mi cent kecalojn*."

"Cent kecaloj!" Tiuj vortoj sufiĉis por konduki la inĝenieron al plena veka stato. Li pripalpis la poŝojn de sia pantalono ĝis li trovis la monujon, elprenis kelkajn bankbiletojn kaj enmanigis ilin al la virino, kiu, sen plua vorto, forlasis la ĉambron.

Aguirre tiris la litkovrilon surkapen, fermis la okulojn kaj provis dormi, sed nur koŝmaroj atendis lin. Kiel povis okazi, ke li estis tiel facile alkroĉita de tiu ruza puteno? Eĉ je la unua vido antaŭ la katedralo! Kaj la paneo. Verdire, la kaŭzo estis bagatelaĵo, kiun iu el tiuj du komplicantaj taksiistoj estis devinta ripari, almenaŭ provizore. Sed ĉu vere okazis paneo? Li memoris, ke li mem ne rigardis la motoron. Poste venis en lian menson la bildo de povra Panjo Valdés, sidanta ĉe la tablo kun malvarmiĝanta tagmanĝo antaŭ si kaj demandanta sin, kial ŝia kara filino ne venas gratuli ŝin okaze de ŝia nomtago. La diablo prenu ŝin! — Se ŝi vere ekzistas. Fine, li pensis pri la cent kecaloj, kiuj tiel rapide forflugis el liaj manoj kiel samnomaj birdoj en la tropika arbaro. Kaj ĉio okazis pro tiu damninda vualo!



GLOSOJ

puteno - prostituino, ĉiesulino (preferinda vortformo anstataŭ "putino", registrita en Plena Ilustrita Vortaro).

kecalo - (aldonaĵo al la difino en Plena Ilustrita Vortaro).
1. la nacia birdo de Gŭatemalo.
2. la monunuo de Gŭatemalo, konsistanta el 100 centavoj

El Rigo, Latvio, ĵus venis interesa letero, en kiu oni petas datojn pri s-ino Milda Jakubcová, konata E-instruistino kaj poetino. Jen ni do aprigas artikolon pri ŝi el plumo de ŝia edzo. La artikolo aperis en EV № 2, en la jaro 1971.

## ESPERANTO EN ROLO DE EDZ-PERANTO

Ĉar mi ofte kunpuŝiĝis kun homoj, kiujn interesis, kiamaniere efektiviĝis nia "internacia geedziĝo", mi provos pri tio ion rakonti. Oni diras, ke la rememoroj estas paradizo, el kiu neniu povas vin elpeli, do bonvolu sekvi min en la jaron 1929!

Mi parolos "per simplaj vortoj" kaj tiucele ja pleje taŭgas nia Esperanto, pri kiu — pli frue ol mi ekintencis ĝin ellerni — mi aŭdis, ke ĝi estas "simpla, facila, internacia helplingvo".

Ĉar mi dum gimnaziaj studoj "luktis" kun t.n. klasikaj lingvoj, ili estis tre taŭgaj helpiloj por mia celo, nome: en la plej mallonga tempo la internacian lingvon — kiel memlernanto — scipovi. Kaj tial mi jam post du monatoj ekkuraĝis sendi al "Bohema Esperanto Servo" en Potŝtejn mian adreson kun la indiko de mia plaĉokupo: turismo — kaj atendis, sed ne ĝisatendis iun "viktimon". Monto ne venis al Mahometo, do Mahometo ekiris al la monto. Mi trafoliumis ricevitan BES-aresaron kaj elektis hazarde trovitan adreson de iu kantema samideanino, kiu kolektis popolkantojn kun melodioj.

Tiu ĉi tereno tre konvenis kaj ankaŭ plaĉis al mi. Tiam kiel "allogaĵojn" mi sendis nian nacian himnon "Kie mia hejm'?" kaj ankoraŭ du ĉeĥajn kantojn. Imagu nur, ĉu ne estis strange?! "Mi ne scias, kial la kapeto min doloras?" - Kaj "Mi amas vin." Tiujn ĉi kantojn mi nome trovis en kleriga semajna gazeto "Nový lid" - "Nova Popolo", kies redaktoro s-ano Petr, gvidis kurson de Esperanto kaj la tri kantojn pro ilia facila teksto kaj ĝenerala kono uzis por komencantoj.

La kapeto ne doloris, male, ĝojradiante mi enpoŝtigis mian proponon pri korespondado - kaj longe, tre longe mi atendis ŝian responon. (Malspertulo povis imagi ke Latvio, situanta en nordo, devas



esti lando TRE malproksima, kie eble la poŝto funkcias helpe de glaciaj ursoj, kiuj certe estas pli mallertaj ol la niaj, aŭ eble tie dum nia somero estas jam vintro? Sed mi mem estis pri la Sukcenlando jam bone informita fare de Pavel Fink, kiu pri Latvio verkis tre simpatiajn artikolojn, ĉar dum la unua mondmilito tie sian koron perdis.)

Finfine kaj subite okazis t.n. "salto", ekestis "tertremo" en nia urbo ĝis nun neniam okazinta. En la urbo-centro mi vidis kelkajn grupojn de homoj kun iaj insignoj. Jes, jes, ili estis verdaj, kvinpintaj steloj! Mi gape rigardis ilin kaj aŭskultis ŝokita per surprizo, ke mi bone ĉion komprenis - imagu nur! - ili ĉiuj parolis ja - germane! (Kiucele oni lernas Esperanton, se oni uzas sian nacian lingvon? En tiu momento mi rememoris mian paĉjon, kion li nome al mi diris, kiam mi al li prezentis mian semestran ateston: "Kiucele, knabo, ci bezonas latinan lingvon, se ekzemple mi interkomprenigi povas eĉ kun Ĉino, se tiu almenaŭ iom ĉeĥe parolos?")

Do ne mirinde, ke mi disreviĝinta rapidis hejmen, sed survoje min atendis nova surprizo: iu sinjorino - ŝi havis la saman insignon! - min haltigis kaj ankaŭ germane min demandis pri "Besední dům" - "Societa domo". Tie devis nome okazi renkontiĝo kun ĉi tieaj gesamideanoj, kiuj bedaŭrinde plejparte ĵus libertempis ekster Brno. Tion mi nur poste eksciis. Do mi germane klarigis al ŝi la vojon kaj daŭrigis mian trotadon hejmen.

Survoje mi eksentis konscienc-riproĉojn pro tio, ke mi tuj ne konstatis la memkompreneblan cirkonstancon, ke la fremduloj ne povas ja interkompreniĝi per Esperanto, sed en okazo de nepra bezono devas uzi la lingvon, kiun probable la indiĝenoj ankaŭ scipovos. Sed vi ja bone scias, ke pekulo ĉiam klopodas senkulpigi sin aŭ almenaŭ konsolas sin per la rezonado, ke eble tiel tamen estis pli bone! Provu nur forkuri de via sorto!

Post du semajnoj mi ricevis el Riga leteron skribitan per energia mano! Unua letero al mi el fremdlando sendita! Ĝojplene mi ĝin bonvenigis kiel lacegan pilgrimanton el fora lando, kiel apostolon de homaranismo, kiel predikanton pri la "interna ideo de Esperanto"... Mi vere ne povis havi eĉ ideon pri la "interna" enhavo de tiu letero, kies legado nur miajn harojn hirtigis. Jes, Francisko, neniam laŭdu la tagon antaŭ vespero! "Kie vi estis, kiam ni vian urbon multnombre (300 personoj!) vizitis kaj preskaŭ neniu el vi estis je nia dispono?" ktp. ktp. Ŝi nome apartenis al la karavano, kiu post la Universala Kongreso en Budapeŝto estis survoje al t.n. postkongreso en Praha...

Ffrancisko, Francisko, kion ci nur faris? Ci ja ĝuste konsideris, ke tiu, kiu deziras lerni naĝi, devas en akvon salti... Ci singardeme

elektis eĉ etprofundan akvon de popolkantoj en espero, ke ci ne droniĝos - kaj tamen! Iu nekonata mano cin faligis en la fluejon, kies malmola fundo ne savis cin de tiuspecaj vundoj. Suferu nun, sed ne malkuraĝiĝu! Ŝi certe estas iu maljuna fraŭlino, iu komfortama sinjorino, al kiu ĉe ni io mankis - sed ŝi ja povis simple resti hejme, ĉu ne?! Diru, ke la afero cin ĝenerale ne rilatas, ĉar ci ja estas ankoraŭ ne organizita esperantisto, do ci ankaŭ neniajn devojn havas, ŝi turnu sin kun siaj plendoj al la klubestro kaj ŝi fajfu!

Mia "elŝvitaĵo" foriris, sed ŝajnis, kvazaŭ iu nekonatino ne povus jam ĝisatendi ĝin por min tuj poŝtrevene plue insulti: "Mi absolute nenion komunan deziras havi kun iu neorganizita esperantisto kaj vian ridindan pretekston, ke vi estas ankoraŭ neparolanta, muta 'suĉinfano', mi respondas per mia deklaro, ke mi vin per verda lakto ne mamnutros. Fine mi certigas vin, ke mi vian landon neniam vizitos kaj vin ĉiujn el via dormo ne vekos!"

Mil diabloj! Ĉu mi bezonas iun, kiu min veku?! Sed atenton, Francisko! Ci ja legis, ke en la internaciaj rilatoj ĉiu civitano devas esti kaj agi kiel konsulo de nia respubliko... Do ci havas ja ankoraŭ noblan taskon kaj ci certe ankoraŭ ion sukcesos respondi. Ci ja ŝin tute ne konas, do jen ia tia "kroĉilo"! Nu bone:

"Nia respubliko pro siaj natura beleco kaj multegaj vidinaĵoj npre ne meritas, ke iu ĝin pro iu persona nur malagrablaĵo ekmalamu" - predikis mi kiel turisto - "kaj povas ja iam eĉ okazi, ke vi ne povos ĝin eviti, ĉar ĝi estas ja "la koro de l' Eŭropo" - (oni devas nur la koron ektuŝi!) - "do vi probable iam devos ĝin almenaŭ traveturi, nu kaj por tiu iam tamen ebla okazo - mi hodiaŭ proponas min tute je via dispono... kaj finfine mi permesas al mi ankoraŭ almeti foton, por ke vi sciu, kun kiu vi havas t.n. 'honoron' korespondi"... Nu diru, ĉu mi ne estis diplomato en rango de 'konsulo'?

"Sehr honorisch! (Germane: tre granda honoro!) Nun mi jam scias, kun kiu mi havis la "honoron" krom via skribmaŝino kaj tre interesa "propramana" subskribo... Sed mi devas interalie ankoraŭ pri io tre grava vin atentigi, nome, ke mi unue estas sovaĝa ekzemplo en homa zoologia ĝardeno, due, ke vi neniam igos min manĝi el via manplato - kaj trie, ke vi neniam sukcesos min kapti, ĉar mi estas kapabla eĉ al metamorfozo - nome: en venton! Do ne esperu!"

Mi dankis pro ŝia foto, kiu ŝajnis al mi tre "suspektinda" kaj kuraĝe daŭrigis nian skriban duelon: "Ho, kial ne esperi? En niaj zo-oj estas ja malsovaĝigitaj jam bestoj, tial necesa estas nur pacienco - kaj rilate la venton: Ĉu vi ne scias, ke la mitologia dio Aeolus tenis la ventojn - en sakoj?! Do, bezona estas ree nur sperto. Sed mi havas hodiaŭ al vi jenan demandon: Ĉu vi en

Brno ne demandis iun pri la vojo al "Besední dùm?"

"Komprenreble, ke ni ĉiuj ja devis ĝeni multajn homojn, do ankaŭ mi tion multfoje faris, sed VIN MI NE demandis, ĉar via devo tiam estus ne nur la vojon al mi montri kaj forkuri, sed min ĝis tie akompani, ĉu vi komprenas, knabeto?"

Kaj tiuspecaj leteroj - ambaŭflanke avide atendataj - rapide kaj seninterrompe flugis inter Brno kaj Riga kiel tenisa pilko ĝis la finrezulto "fifteen-fifteen".

La pulvo elĉerpiĝis kaj la batale ondiĝanta nivelo de nia korespondado kvietiĝis. Por plua korespondado ni ŝanĝis la temojn informante unu la alian pri niaj infanaĝo, vivkondiĉoj, okupo, ktp. Reciproka komprenemo kaj fina toleremo plus ambaŭflanka bona volo triumfis kaj en la jaro 1930 mia korespondamikino - antaŭ siaj du kursoj laŭ ĉe-metodo en Warszawa - vizitis Brnon kaj Altajn Tatrojn.

En Brno - dum kunveno en kafejo Savoj - mia gasto surprizis per sia nevenkebla elokventeco ĉiujn ĉeestantojn tiomgrade, ke s-ano Sonnenfeld demandis ŝin, ĉu ĉiuj Latvinoj estas egale akraj? Mi? Mi estas ja la plej milda el ĉiuj Latvinoj, rebatis la demanditino. - Tial mi neniam edziĝus al Latvino, kapitulaciis s-ano Sonnenfeld. Sed sinjorinoj ŝin pli favoris kaj s-anino Strejĉková donis al ŝi sian foton kun jena dediĉo: "Kun deziro, ke vi por ĉiam restu en Brno."

Ni vizitis ankaŭ nian folkloran moravian Slovakion kaj en la urbeto Nivnice, naskiĝloko de nia fama pedagogo Jan Amos Komenský, ni havis eĉ okazon ĉeesti baptofeston en amika familio. Tie okazis unu epizodo, kiun mi neniam forgesos: Ĉar Milda la paroladon ne komprenis, la gepatroj de la baptito admonis min, ke mi mem priservu ŝin per dolĉaĵoj kaj bakaĵoj. Do mi proponis ilin popece kaj la trian aŭ kvaran porcion mi akompanis per jena vorta venko: "Nu vidu, karulino, vi jam ankaŭ el mia mano manĝi lernis!"

Kion ankoraŭ aldoni? Post plua jaro - 1932 - okazis nia edziĝfesto, dum kiu ni kompreneble kantis, ĉar kantoj nin ja interkomprenigis. Tial ankaŭ vi, precipe nia junularo, ne malatentu la popolkantojn kaj nun provu kun ni kanti nian propran kanton en nia familia lingvo Esperanto! Ĝia melodio estas konata laŭ "Volga, Volga, matj rodnaja" - do:

Amas vin, ho kara mia, amos vin mi flame nur,
lingvo ligis harmonia nin por ĉiam eĉ sen ĵur'.
Nur aferon nian ami mi permesas por la bon' -
por ĝi devas koroj flami kaj labori sen admon'!

Jakubec František

LIBERVOLAJ MONDONACOJ: ĈEĤIO KAJ SLOVAKIO: Ciganiková 50, Čada 90, Čech 100, Drbohlavová 100, Hasala 50, Kovařík 50, Kusý 50, Kremerová 100, Lyšý 100, Lamačka 30, Malinová 200, Mikolajková 200, Mužlay 50, Nováková 50, Nosek 30, Pecák 100, Pelclová 100, Řezáč 50, Pokorný 100, Popelka 100, Rychlik 200, Sládeček 200+300+100, Smělý 50, Szappancsik 100+100, Šaturová 100, Štefanová 100, Šturman 100, Toman 60, Tomíšek 100, Vácha 60, Vašíčková 50, Veselý 250, Vomáčka 100, Vyzváry 50, Vyzváryová 50, Wertlenová 50, Zaoral 50. Se ies donaco ne estis anoncita, bv. skribi tion al s-ro Váňa (Dudince). Koran dankon!

GRANDA SENORDA KVANTO
UNUA PARTO DE LA KAŜFRAZO
SIMBOLO DE KALIO
KOR-INKLINO
SIMBOLO DE NATRIO
ELEKTITAR'
LAVĈAMBR'
SUBSTANTIVA FINAĴO
LANDA REPREZENTANTO
MALGRANDA
DUA PARTO DE LA KAŜFRAZO
PARTO DE TEATRAĴO

NEOFICIALA SUFIKSO /INSTALAĴO/
SULKETO EN PAFTUBO / MALMOLAJ
KONFORMA AL JURAJ REGULOJ / MEMBRIGO

NEDAŬRA VESTAD-KUTIM'
KONTRAŬA / SUPRENGLISAS /AVIAD./
JUNTAĴ' INTER OSTOJ / RIZA BRAND'

EKSTREMO DE INTESTO
RUSA VIRNOM' / NUMERALO
PARTICIPA SUFIKSO / GRANDA PASEROFORMA BIRDO

FLAVA LIKVAĴO EN SANGO
INFLAM' DE UTERO / ITALIO, KAMBOĈO /AŬTOSIMB./
ESPERANTO /MALLONGIGO/ / HERBO POR SAŬCOJ

PORCELANA BLOV-INSTRUMENT'
AMERIKA TIGR' / ROMANE "50"
HAŬTAJ MALMOLAĴOJ

SPERM-ELĴET' / PETPAROLO AL DIO
SPECI' DE KORVO

PLENA VORTARO
AŬTOSIMB. DE SVEDIO / ĈIAMVERDA ARBEDO
BONNORA, KONVENA

VORTA SAMSONEC'
ESTONTA EDZ'
DRAM' DE ŜEKSPIRO

SINJORO, VIA HUNDO MANĜIS MIAN KOKINON!

INSPIR' AL VIRTA KONDUTO
KOKIN-PRODUKTO / HOM' SERVANTA DI SERVOJN

TRANSPAGI PER KONTO
SIMB. DE FOSFORO
BEDAŬRA INTERJEKCIO / MINDA MANGAĴO

REKT-ANGULA
STANG' EN RADO
KRISTNASKAJ ARBOJ

NEDIFINITAN AĴON / BLASFEMI
PLENE MANĜINTA

NAZIA ORGANIZO
ĈIRKAŬ /MLL./ / TUTO DE BATALANTOJ
SEGITA ARBPEC'

SUFIKSO DE PASIVA PARTICIPO
BOTELŜTOPILO
SIMB. DE OKSIGENO
NOMO DE LA 16-A LITERO
LIKVAĴ' EN SKRIBILO
MEZUR' POR UTILO
ESTRI, DIREKTI / MALKOREKTAĴ'

KRISTANA PREĜEJO /NEOL./
MALDEKSTRE / SUBITA KOLEKTIVA TERUR'
UNUO DE ELEKTRA REZISTANCO / CARNI PER METALA FADENO

ĈEFURBO DE ITALIO
MALLONGA PAFARMIL' / FARI LEDON EL FELO
INTERJEKCIO DE DOLORO / PSIK', SPIRIT'

PASIVA, SENENERGIA
PURAN, HELAN / LIRIKA POEMO
FRAKCIO

JAPANA SUKERAĴO / KOMUNA NEDIF. PREPOZICIO
SUDA FRUKTO / AŬTOSIMB. DE IRANO

EMFAZA ADVERBO
FAM' KLAĈ' / NULO
ION KONKRETAN / SIMB. DE HIDROGENO

INKLINO
PUSA FETORA SERAĴ'
KANTATA HONORA POEMO

STANO MARČEK

## ESTRARO DE TEVA

PREZIDANTO: Christopher Fettes, Saint Columba's College, Rathfarnham, Dublin 16, Irlando
VICPREZIDANTO: Wiliam Simcock, Clayton House, Butterton, Leek, Staffs ST13 7SR, Britio
ĜENERALA SEKRETARIO: Lilia Fabretto, Via P. Cartoni 12, C.P. 5050, 00152 Romo, Italio
KASISTO: Wiliam Parrott 15. Aldborough Court, Doglas Avenue, Exmouth EX8 2HA, Britio
TEVA-POŜTĜIRKONTO: 27 141 8907

* * *

## Landaj Reprezentantoj - Perantoj de TEVA:

Albanio: S-ino Rita Permeti, Rruga "4 Deshmoret" P. 11/B, Shk. 5, Ap.20, TIRANE
Argentino: S-ino Clara de Hess, Bolivar 6339 B, RA - 1875 WILDE (B.A.)
Aŭstralio: S-ro Bob Felby, 6 Dorset Street, Semaphore Park, S.A. 5019
Aŭstrio: Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, A - 1190 WIEN
Belgio: Camiel De Cock, Vorse Beemden 7, 2980 ZOERSEL, Belgique - België
Bjelorusio: Landa Reprezentanto-Peranto de TEVA serĉata!
Bolivio: Wilhelminne Verhaaf, Poŝtfako Casilla 3945, COCHABAMA, Bolivia
Brazilo: Onei Boracini, Caixa Postal 16, 15001 SÃO JOSÉ DO RIO PRETO-SP
Britio: S-ino Pat Search, 30a Arlington Gardens, allteborough, NORFOLK, NR172NE
Bulgario: Ganĉo Lazarov Damjanov, Makariopolski 7, BG - 6000 KAZANLAK
Ĉeĥio: Adolf Veselý, pošt. př. 77, 623 00 BRNO
Danlando: Ejnar Hjorth, Christiansgade 38 2., DK-9000 ALBORG, tel. 9813 4040
Finnlando: S-ro Lasse Kivistö, Kivistöntie, SF - 055 100 HYVINKÄÄ 51
Francio: Tean-Roger Chasle, 22 rue de la Mairie, F - 22650 PLOBALAY
Germanio: Claudia Trochold, Klein-Grönland 9/157, O-9800 REICHENBACH
Grekio: S-ro Todorakopulos Evangelos, Eaku 21, N. Liosia, 131 22 ATHINA
Hindio: S. John Bosco, Nº 1174 Bl. 68, V.O.C. Nagar, Tondiardet, MADRAS 81
Hispanio: S-ro Luis Armadans, Pl. Sagrada Familia, 4t, 3ª, BARCELONA 13
Hungario: D-rino Mária Papp, Kálvária 96/D, H-6500 BAJA, Hungario
Irano: S. N. Mozaffari, P.K. 11365/5935 TEHERAN, Irano
Irlando: Christopher Fettes, Saint Columba's College, Rathfarnham, DUBLIN 16
Israelo: Mark Steinberg, P.O.K. 9137 (K. Eliezer 35157), IL-31091 - HAJFA
Italio: S-ino Lilia Fabretto, Via Pietro Cartoni 12, C.P. 5050, I-00152 ROMA
Japanio: D. McGill, Kyoto Syudoin, 701 Momi-Tyo, Ohara, SAKYO-KU, 601-12
Jugoslavio: Terezija Kapista, Studentska 39/23, YU-110 70 NOVI BEOGRAD
Kanado: Normand Fleury, 6358 de Bordeaux, MONTREAL, Québec, H2G 2R8
Kolombio: Inĝ. Libardo Mejía, Apartado Aéreo, 3525, CALI, tel. 53-1627
Kostariko: Danilo Oviedo Quesada, apartado 69, PASO CANOAS, 8255 C.R.
Litovio: Litova Esperanto-Asocio, 3000 KAUNAS-C, ab. k. 167
Meksikio: Angel Segura, Apartado Postal M - 20003, MÉXICO 1 D. FR. 06000
Nederlando: TEVAN, poŝtfako 399, NL-3740 AJ BAARN, pĉk. 35 58 335
Norvegio: Kjell Peder Hoff, Bjorkenes, N - 1970 HEMNES I HOLAND
Nov-Zelando: Mavis Gibson, 15 A Sandiacre. Browns Bay, AUCKLAND 18
Pakistano: S. A. Farani, House Nº K-18, Machine Mohalda Nº 3, JHELUM
Peruo: Inĝ. P.F. Comacho Daza, El Boulevard 131 Monterrico, LIMA 33, PERU
Pollando: Pola Bojarowska, ul. Dvorcowa 44/26, 10-437 OLSZTYN
Portugalio: Portugala E-Asocio, Rua Dr. João Couto 6 r/c A, 1500 LISBOA
Rumanio: F-ino Florina A. Bolos, str. Padin 25-B1 D6 ap 68, 34100 CLUJ-NAPOKA
Slovakio: Olga Novotná, Riznerova 2, SK - 811 01 BRATISLAVA
Svislando: Nancy Fontannaz, Ruisselet 9, CH-1009 PULLY
Sudafriko: J.P. Hammes, 30 Oliënhoutstr. 3, Wilropark - 1725, ROODEPORT
Svedio: Henrik Karlson, Fimongatan 12, S - 590 40 KISA
Tajlando: Pho Thamkhajadpaikun, 42 Ari Samphan 5, Rama 6rd, 10400 BANGKOK
Togo: Gbeglo Koffi, B.P. 13 169 Nyékonakopé, TG - LOME, Togo
Tunizio: Abderrazak Tabka, Rue Bizerte 72 bis, 4070 M'SAKEN
Ukrainio: Miĥail Lineckij, p.k. 539/1, 254200 KIEV-200
Usono: S-ino Maya Kennedy, 669 Coventry Road, KENSINGTON, CA 94707, U.S.A.
Venezuelo: David G. Valecillos, Calle 79-3-C-72 MARACAIBO - 4002
Vjetnamo: Nguyên Dinh Long, 50/6/9 Nguyên Dình Chiêu, P.3, QUAN PHU NHUÂN
Zairio: Nsimba Mfumi Ndogala, poŝtfako B.P. 1323, KINSHASA 1

* * *


PRESO/TLAČ: AGROKOMPLEX NITRA

# Esperantista Vegetarano




ADMINISTRACIO:

Esperanto-Klubo, P.O. Box 8

SK - 962 71 DUDINCE, SLOVAKIO

(SENDAS/ODOSIELATEĽ:)



Al:

..............................................................

..............................................................

..............................................................

..............................................................

NOVINOVÁ ZÁSIELKA

Podávanie novinových zásielok povolené
OZ SsRP B. Bystrica č.j. 2115/93 PTP 30.6.1993